# Hispana Esperanto GAZETO

1a Jaro JUNIO 1931 N-ro 3

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO

ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# SECCION DE PROPAGANDA

## QUÉ ES EL ESPERANTO

Hace pocos días me dijo un amigo, al verme la estrella de cinco puntas, poco más o menos lo que sigue :

—Oiga usted : ¿Qué significa esta estrella verde de cinco puntas sobre fondo blanco?

A lo que yo contesté amablemente que es el símbolo y emblema de los esperantistas, o sea que los que ostentamos dicha estrella conocemos la lengua internacional del Dr. Zamenhof, usada en todo el mundo desde el año 1887, y adoptada por muchas organizaciones importantes y que cuenta con muchos millones de asociados, muchos miles de libros y algunos cientos de periódicos, amén de un *anuario* donde figuran todas las Sociedades Esperantistas importantes de todo el mundo, y, además, que en algunas naciones el Esperanto es semi-obligatorio, y en otras, como España, está subvencionado por los Gobiernos para ayudar a su difusión y propaganda.

Mi amigo, al oírme y darse cuenta de que lo que yo decía era importante, además de dar crédito a mis palabras, pues me cree persona seria, pensó un momento, y, tras breve pausa, me dijo de esta manera :

—Yo quiero ser esperantista ; pero quiero aprender el idioma internacional en el menos tiempo posible, porque dispongo de muy poco, y confío en que usted adoptará el método más práctico y breve, teniendo en cuenta que yo ya soy un hombre y que, además de pensar en otras muchas cosas, tengo que aprender el idioma para entenderme con cualquier esperantista, bien por escrito o verbalmente, según se me presente la ocasión.

Yo, que he estudiado bastante el Esperanto y además la forma de enseñarlo, según sean las condiciones del alumno, me comprometí a enseñar el más útil y el más práctico de los idiomas a mi amigo, advirtiéndole de antemano que, cualquiera que sea la condición del alumno y del profesor en la enseñanza del Esperanto, se aprende más en una hora que en cincuenta dedicadas a otro idioma cualquiera.

Cuando mi amigo me oyó afirmar lo que antecede, fijó conmigo día y hora para empezar un cursillo ; y sólo me resta decir a mis queridos lectores y *samideanos* que les voy a exponer el método que pienso emplear para que mi alumno aprenda a hablar, a leer y a escribir Esperanto rápidamente.

Antes de escribir este artículo he meditado mucho lo que voy a decir y, además, he consultado algunos libros, que creo bien escritos, relacionados con tan *peliaguda empresa*, y voy a procurar ser claro

y breve en mi exposición. Empezaré por los niños, y seguiré después por los mayores.

El niño pequeño aprende el idioma de los padres, a fuerza de hablar con muchas faltas y dificultades, rectificando constantemente las palabras hasta que las pronuncia bien. Teniendo en cuenta que después de toda esta labor un tanto esporádica el lenguaje adquirido es agramatical, el niño, cuando es mayor, si quiere saber lo que dice, tiene que aprender la gramática del idioma paterno. Podemos establecer la notable diferencia entre ayudar a hablar y aprender a andar, aunque el proceso del aprendizaje sea el mismo; es, a saber, que el niño, cuando sabe andar, puede ir a donde quiera, pero cuando sabe hablar solamente conoce una parte del lenguaje (la más útil); pero no sabe leer, ni escribir, ni tampoco conoce el valor de las palabras, siendo necesario entonces enseñarle gramática, para que pueda hablar, leer y escribir correctamente.

Para enseñar al mismo niño el Esperanto, el procedimiento a seguir es el mismo; pero téngase en cuenta que, cuando el niño hable ya el idioma internacional, aprenderá la gramática con rapidez vertiginosa, dada la sencillez y simplificación de la gramática del idioma Esperanto, que es la más breve y la más regular y lógica de todas las gramáticas de las lenguas vivas.

Si queremos enseñar el Esperanto a un niño que ya sepa su idioma paterno y conozca algo la gramática de dicho idioma, tenemos que emplear un sistema mixto, que consiste en hacerle hablar mucho en Esperanto, procurando, al propio tiempo, enseñarle la gramática, comparándola con la de su idioma y haciéndole ver las diferencias, y de esta labor, que puede ser amena por lo variada, resultará que el niño sabrá bien dos idiomas y conocerá ambas gramáticas, y se relacionará por escrito con los niños extranjeros.

Ya tenemos a los niños en posesión de la lengua internacional. Esto, desde luego, en el aspecto general; pues como cada niño, pedagógicamente, es un YO distinto, tendríamos que emplear tantos métodos como niños; pero esto nos llevaría a una forma de escuela individualista, cosa que dejamos para los casos especiales.

Veamos ahora la enseñanza del Esperanto en los mayores; es decir, en los hombres, y aquí el método es mucho más variado, aunque, dada nuestra buena voluntad y necesidad de conocer el lenguaje de todos, lo sintetizamos como yo voy a hacer, al enseñar la lengua de Zamenhof.

PEDRO GIL ARRUÉ
*Jefe de Correos.*

(*Daurigota*).

# RADIO-ESPERANTO

## II

Jam estis dum la jaro 1884 kiam, tiam kongresis en Washington scienculoj de 36 nacioj por sistemigi la universalan horon.

La kongresantoj proponis kaj konsentis dividi ekvatoron per dudek kvar meridianoj po dekkvin gradoj en ĉiu interspaco ekvivalentaj unu horon.

La fundamenta meridiano estas la meza horo suna de Greenvich, tiel do, en Okcidento ĉiu meridiano anticipas unu horon kaj en Oriento ĉiu meridiano prokrastas unu horon.

La precipaj oficialaj meridianoj estas jenaj:

*La okcidenta Europa horo,* estas tiu de Greenvich.

*La meza Europa horo,* estas 15 gradoj en Oriento de Greenvich, anticipas unu horon.

*La orienta Europa horo,* estas 30 gradoj en Oriento de Greenvich, anticipas du horojn.

*L'East Standard Time,* estas en Okcidento de Greenvich, prokrastas kvin horojn.

*La Central Standard Time,* prokrastas ses horojn.

*La Mountain Standard Time,* prokrastas sep horojn.

*La Pacific Standard Time,* prokrastas ok horojn.

Laste, ĉi-tiuj meridianoj estis dividitaj per somera kaj vintra horoj, kaprice, sen ekonomia kaj sen scienca fundamento.

Tiaj meridianoj nur taŭgas por ordinara vivo, kiu ne bezonas rilati diversajn momentojn, sed kiam estas necese determini fizikan momenton, kiel okazas en astronomio kaj radio-dissendado, tiam, tiaj meridianoj nur taŭgas por malesperi ĉiujn radiaŭdantojn.

Por la plej granda efiko de la radio-dissendado ne taŭgas la naciaj horoj kun ĝiaj kapricaj klasifikaĉoj, vintra kaj somera horoj.

La solvo de la problemo estas tiel simpla kiel facila, oni ne bezonas la kunlaboradon de Eŭklides, Galileo, Newton, Lorentz, Minkowski, Gaŭs, Leverier, eĉ Einstein, tial ĉitiuj sinjoroj povas ripozi trankvile; ni ne enuigos ilin.

Nur sufiĉas uzi la Greenvichan sunan horon, kvazaŭ internacia horo.

Nenia baro kontraŭas tian solvon, do la navigacio kaj la astronomio jam de longe uzas ĝin.

Por plifaciligi la komprenon, ĉiu radio-programo povas publikigi ambaŭ horojn, la internacian kaj la nacian.

Diversaj rediostacioj respondis nian inviton; jen la Greenvichaj sunaj horoj:

*Lyon la Doua* (466 m.) Kv. 3 radias 19 ĝis 19,20 ĉiusabate esp. kronikon kaj ĉiuĵaŭde esp. kurson. M. Borel edzino de la radiostaciestro kaj parolantino radiosalutis nin la 18 de aprilo. Tre dankante ni resalutas ŝin tutkore. Ankaŭ parolis Sro. Jung.

*Koenisberg* (276 m.) Kv. 2 ĉiusabate 17,45 ĝis 18,20.

*Stokolmo* (435 m.) Kv. 60 Rektoro Sam Jansseen komunikis, ke li radias esp. lingve ĉiuj unuaj dimanĉoj de ĉiu monato 9,30, sed la 27 de majo eksterordinaran paroladon. Lia filo estas etnologo kaj deziras koni naciajn kutimojn pri hemaj teksaĵoj de vilaĝanoj.

*Nurnberg* (238,9 m.) Kv. 3. *Munchen* (533 m.). *Kaiserlautern* kaj *Augsburg* (560 m.) 17,45 ĝis 18,05 Sro. Alexander Stark esp. parolanto ĉe la Bavaraj radiostacioj legis rekonton «Mallaboremulo» kaj deziras sciojn pri la aŭdebleco. Adreso: Bayerischer Rundfunk. Rundfunk platz 1. Munchen.

*Lille* P T T (447 m.) Kv. 2 radias ĉiudimanĉe 7,30 Sro. A. Trotin instruante Esperanton laŭ plano de la broŝuro *L'Esperanto en 10 leçons*, de *Cart et Jaqui*. Baldaŭ parolos pli ofte la Zamenhofan lingvon.

*Paris* P T T (447 m.) Kv. 0,5 radias ĉiuĵaude 17,45 ĝis 18,15 esp. kurson Sro. Rousseau, laŭ komunikis nin la prezidanto de la Esperantista Akademio Sro. Th. Cart.

*Koln* (227 m.) Kv. 2 radias ĉiudimanĉe 8,30 ĝis 8,55 laŭ komunikas nin la socio Westdeutscher Rundfunk.

Barcelona E. A. J. 1. ankoraŭ ne anoncis esp. paroladon, laŭ afabla komunikaĵo de Sro. J. Quesada, sed estas eble, ke ankaŭ radios esp. lingve se la radiaŭdantoj petas tion, do spritaj kaj lertaj esp. paroladistoj, kiuj loĝas en Barcelono estas pretaj por deĵori ĉiunokte. Ĉu ne?

FRANCISCO M. RUA

* * *

Según nos ha comunicado el ilustrado profesor y entusiasta H. E. A.-ano de Peñarroya-Pueblonuevo (Córdoba), D. Juan Gallardo Corredor, Delegado que fué en el Congreso que el Partido Republicano Radical Socialista celebró en Madrid en septiembre de 1930, cuyo Presidente es el actual señor Ministro de Instrucción Pública, ha decidido elevar al Gobierno una exposición, con el ruego de que se ejecute sin dilación el acuerdo que, a propuesta del señor Gallardo, fué adoptado por unanimidad y sin discusión en dicho Congreso, para implantar, al advenimiento del nuevo régimen, en todas las escuelas y centros docentes de la República y con carácter obligatorio,

la enseñanza del idioma auxiliar internacional Esperanto, inventado por el sabio polaco Lázaro Luis Zamenhof.

No tenemos que hacer resaltar la importancia del acuerdo del Congreso ni la oportunidad del proyecto del señor Gallardo, a quien todos los samideanos debemos dirigirnos, ofreciéndole nuestros más sinceros y entusiastas apoyo y adhesión.

Por su parte, el Comité Central de la Directiva de H. E. A. le ha hecho saber que, aparte la adhesión individual de cada uno de sus miembros, cuya total representación ostenta, se honrará acompañándolo en su visita al Excmo. Sr. Ministro de Instrucción Pública.

# GRAMATIKAĴOJ

## III

Predikato de propozicio povas esti *Nomo*: ekz.: Petro estas tajloro; preĝejo estas konstruaĵo; horloĝo estas maŝino. *Adjektivo*: ekz.: La neĝo estas blanka; la tigro estas kruela; la rivero estas larĝa. *Pronomo*: ekz.: Tiu ĉapelo estas la mia; la ora plumo ne estas la via; nia sunombrelo ne estas la ŝia. *Verbo*: ekz.: La floro velkis; la fantomo malaperis; la oranĝoj frostiĝis. *Participo*: ekz.: Via nomo estas benata; la infano troviĝis dormata; la kaprido naskiĝis mortinta.

Atributo estas tio, kion oni asignas, destinas, donas, aljuĝas, aŭ opinias pri iu vorto: ekz.: la malbela knabino kantas dolĉege; la kunulino de la premiita studento ploradis pro ĝojo; oni ne facile forgesas la patrinan amon. Malbela, premiita kaj patrinan estas atributoj.

La predikato kaj la atributo havas diversan rolon en la prepozicio, tial ili estas diversaj. La predikato *ĉiam* devas esti en nominativo, la atributo povas esti en ĉiuj kazoj: ekz.: Mia bona fratino estas virta; la jupo de mia bona fratino kostis multe da mono; jen estas orelringoj por mia bona fratino; mi amas mian bonan fratinon; ho, mia bona fratino, kiom bela vi estas!; mi promenas kun mia bona fratino. La predikato estas tio, kion oni asertas aŭ neas pri la subjekto: ekz.: La ŝtalo estas fleksebla; la travidebla vitro estas rompebla; la klarigado estis nekomprenebla. Fleksebla, rompebla, kaj komprenebla estas predikatoj, ĉar tion mi asertas pri la respektivaj subjektoj ŝtalo, vitro, kaj klarigado; sed per la atributo nur oni supozas ion pri iu ajn vorto, ĉu subjekto, ĉu predikato, ĉu komplemento: ekz.: La bela junulino

mortis: la multevalora juvelo perdiĝis en densa arbaro; la punita infano forkuris tra malluma strato. Bela, multevalora, densa, punita, malluma estas atributoj kaj ne predikatoj, ĉar mi ne asertas la belecon, multevaloron, densecon, punon, mallumon pri la respektivaj subjektoj, mi nur supozas ilin, mi akceptas ilin. La kardelo kantas, mi asertas tion; tial, kantas estas predikato. La kantanta kardelo estas multkolora; kantanta estas atributo, ĉar oni supozas ke la kardelo estas kantanta birdo, kaj multkolora estas predikato, ĉar mi tion asertas pri la kardelo. La blinda almozulo ne estas blinda; la unua *blinda* estas atributo, ĉar tion oni supozas aŭ oni akceptas, kvankam tio ne estas vero; sed la dua *blinda* estas predikato, kvankam ĝi estas samlitera vorto, ĉar mi tiom asertas pri la almozulo. Komparu la jenajn esprimojn: Mi trovis la dolĉan vinon, kaj mi trovis la vinon dolĉa; en la unua propozicio *dolĉan* estas atributo, ĉar mi supozas aŭ akceptas la dolĉecon de la vino, ĝi estas en akuzativo, akordiĝanta kun sia substantivo; en la dua propozicio *dolĉa* estas predikato, ĉar mi asertas la dolĉecon de la vino, ĝi estas en nominativo, ĉar predikato ĉiam estas en nominativo. Oni elektis mian amikon prezidanto; prezidanto estas predikato, ĉar mi tion asertas, pri mia amiko. Oni vidas, do, ke la sama vorto, eĉ en la sama kazo, povas esti predikato, aŭ atributo, laŭ tio se oni ĝin asertas aŭ neas pri la alia vorto, aŭ oni ĝin atribuas, aŭ supozas, aŭ akceptas pri la koncerna substantivo, kiel kvaliton, aŭ econ, aŭ modifon de tiu vorto. Multaj gramatikistoj ne diferencigas la predikaton de la atributo; sed estas evidenta la diferenco, eĉ kiam ili estas verboj. Se oni diras: Kiu persistos ĝis la fino ricevos la premion, oni ne asertas que iu persistos ĝis la fino, tial *persistos* estas atributo; sed ke iu ricevos la premion, tial *ricevos* estas predikato, kaj oni povas rekte esprimi la penson jene: La persistanto ĝis la fino ricevos la premion.

La subjekto povas esti *simpla* kaj *kunmetita* aŭ *malsimpla*, laŭ tio se ĝi estas unu vorto esprimanta nuran ideon: ekz.: Kato kaptis muson; fiŝo naĝis en kaldrono; fojno estas herbo; aŭ pli, ol unu vorto, esprimanta pli, ol unu ideon: ekz.: Leporo kaj ĉashundo estas bestoj; martelo kaj amboso estas metalaj; kuracisto kaj advokato estas scienculoj. *Ununombra* kaj *multenombra*, laŭ tio se ĝi esprimas nuran individuon aŭ aĵon: ekz.: Johano naskiĝis hieraŭ; la monto produktas herbon; la kverko estas longviva: aŭ plurajn personojn aŭ aferojn: ekz.: La ŝuistoj faras botojn; la scienculoj verkas librojn; la komercistoj vendas ŝtofojn. Kiam la subjekto estas malplurala aŭ ununombra la vorto aŭ vortoj akordiĝantaj kun ĝi devas esti en ununombro: ekz.: La kato estas maldanka; la herbo estas verda; la fojno estas nutra.

Kiam la subjekto estas plurala, la vorto aŭ vortoj akordiĝantaj kun ĝi, devas esti en plurala formo: ekz.: La leporoj estas longkruraj kaj longorelaj; la marteloj estas metalaj kaj malmolaj; la muroj estas altaj kaj dikaj.

SENTAŬGULO

(*Daurigota*).

## LITERATURO

### LA VERKO KAJ LA VERKINTO

II

«...Estas negrave entrepreni ion dum la vivo, tial ke ĉi tiun oni povas perdi facile.» Jen, do, Remarque farita trankvila burĝo. Trafinte famon kaj monon, li sin konscias nedevigata daŭrigi la laboron por plibonigi la maljustan vivstaton de la societo al kiu la apartenas, eĉ por eviti la teruraĵojn de nova kaj eble plej terura milito.

La aŭtoroj, per siaj verkoj, gigantiĝas; la verkoj, per siaj autoroj; malgrandiĝas kaj malgraviĝas. Kaj nun, rememerante scenojn de la libro, ni opinias, ke tio, kion ni supozis ironioj akre kaj delikate tendencaj, transformiĝas sinceraj jesoj. Intima maltrankvilo kaptas nin, rememorante la frazon de Kropp, kiam revenintaj nur de la batalo okdek soldatoj el la cent kvindek ĝin partoprenintaj, li ekkrias: «Fine, hodiaŭ ni manĝos ĝis satego.» Kaj ĉi tiu bruta komentario, kiun antaŭe ni konsciis sago ĵetita de Remarque kontraŭ la homa egoismo, perdas tutan intencon, por fariĝi nur «fakto». Granda bedaŭro!

Ni vidas la aŭtoron de tiuj paĝoj, tra kiuj vidiĝas tragike la morto, partropeni indiferente la okazintaĵojn. Liaj nervoj vibris pro la hekatombo same, kiel vibras membrano. Ĉesinte la milita bruego, lia sentemo restas kviete, kvankam facile estas rimarki, ke la kaŭzo persistadas kaj ke la malbenita arbo ankoraŭ estas forte enradikigita por naski novajn kaj terurigajn idojn.

Li ne konscias la neceson forigi ilin por ĉiam. Pro tio li aldonas, ke li «malamas la politikon». Ĉu la politiko—laŭ la vera kaj ampleksa senco de la vorto—ne estas la reala vojo alkondukanta al la plibonigo de la Homaro? Ni ne komprenas kial povas opinii tiel tiu, kiu verkis la frazon: «*Fojojn, jam oni konsideras nin homoj*».

Granda bedaŭro, ni ripetas! Bedaŭrinde estas, ke Remarque (kiun ni volas vidi senkompata venĝanto de tiom da viktimoj oferitaj de maljusta reĝimo antaŭ liaj okuloj) nur povu diri, je sia plenforta vivstato,

tion, kion diris lia heroo je la lasta vivmomento: «En Okcidento nenio nova»!

*Hispane verkis*: LUIS HERNANDEZ ALONSO
(*Tradukita de J. M. R.*).

Ĉi tiu artikolo ĵus trafis la unuan monpremion gravan de la konkurso malfermita de la grava ĵurnalo «La Libertad», de Madrid.

* * *

EL VASKA FOLKLORO

## STONOJ DE ROLANDO

Kiam Rolando, post la batalo Roncesvalles'a sentis sin mortonta; li, unuigante ĉiujn restantajn fortojn siajn, volis supreniri plej altan Pirinean montpinton, por el tie lastfoje rigardadi la dolĉan landon Francujon, kie la bela Doña Alda, lia edzino senpacience atendas lian revenon.

Sed, malforta kaj preskaŭ sen sanga, la antaŭe fortikega militisto ne havis forton por alveni ĝis la montpinto, kaj sentante sin malfortiĝi, li devis sidi sur verda herbejo, delikate etendita sur la monta deklivo.

La monto estis ja altega. Li direktis sian rigardon al sudo kaj ekvidis la altan Moncayon, starantan meze de la Aragona ebenaĵo, ne malproksime de la popolhava urbo Zaragoza, kie loĝis la Maŭra reĝo kaj la perfida Ganelono.

Tia vidaĵo removis lian koleron. La sango bolis en lia koro soifanta venĝemon. Li vidis apude grandegan *monolitan* ŝtonon kaj invokante Dion kaj sian amatan edxinon, li levis la ŝtonon per la ambaŭaj manoj, ekkriante:

—Ve!, perfida Ganelon'. Kaj ve!, perfida urbo! Mi ne mortos antaŭ ol mi sentigos al Vi la pezon de mia kolero!

Sed, ĉu ĝi estis pro la perdita sango, laŭ kalkaj opinioj; ĉu ĝi estis pro tre proza kaŭzo—unu peco da bovina sterkaĵo restante sur tiu herbejo—, laŭ la vilaĝana opinio, la herkulesa batalisto glitis kaj la ŝtono, anstataŭ alveni ĝis la Aragona urbo, falis en ian ajn Navarran valon.

Jen la legendo kiun, el Bidascoa ĝis Ebro (1), kaj el Xavier ĝis Aralar (2), rakontas la vaskaj kamparanoj, kiam ili intencas klarigi al fremdulo la devenon de la multenombraj *menhiroj*, kiujn oni trovas en la lando.

A. N. D.

---

(1) Nomoj de riveroj.
(2) Nomoj de navarraj montaroj.

## TANTUM ERGO...

Tiom egan Sakramenton
Respektegu kore ni;
Kaj l' antikvan dokumenton
Anstataŭ nova rit':
Al la manko de la sento
Helpasistu do la fid'.
Al Naskit' kaj al Naskanto
Estu laŭdo kaj plenglor';
Savo ankaŭ, virto, digno,
Beno kune kun honor:
Al el ambaŭ devenanto
Laŭdo estu kaj samglor'.

*Pastro* MARIANO MOJADO

## TAN EXCELSO...

Tan excelso Sacramento
Veneremos con amor;
Y el antiguo documento
Ceda al nuevo su valor:
Dé la Fe un suplemento
Al sentido, que es menor.
Generante y Engendrado
Tengan gloria con honor;
Sea con virtud loado
Su Divino Esplendor:
Al por ambos enviado
Sea dado igual honor.

MARIANO MOJADO, *Pbro.*

* * *

# PUBLIKA OPINIO

## RAKONTETO

Avo kaj nepo vojaĝadis sur longa kaj larĝa vojo kaj iris al la ĉefurbo:

I.—Ili marŝadis tra la kamparo piedirante, kaj la azeno marŝadis sen ia ŝarĝo sur ĝi. Aliaj piedirantoj, kiuj marŝadis kontraŭdirekte sur la sama vojo, vidante la senŝarĝan azenon, diris: Kial vi marŝadas piedirante, kaj ne rajdas sur la azeno? tio estas ne komprenebla. La avo kaj la nepo dankis la konsilon, kaj adiaŭdiris la vojaĝantojn.

II.—La avo tiam rajdis sur la azeno, kaj lia nepo piediris survoje. Post kelkaj temperoj, aliaj vojaĝantoj, kiuj ankaŭ trairis kontraŭan direkton, vidante la nepon piediranta, diris: Ho, kia stranga afero, la maljunulo rajdas surazene, kaj la infaneto piediras. La avo aŭdinte la vojaĝantojn, pripensis kaj elsaltis el sur la azeno, dirante: mi devas piediri, kaj mia nepo devas rajdi, ĉar li estas ankoraŭ etuleto kaj junuleto.

III.—En tiu momento la avo mem surmetis la infaneton sur la azenon, kaj ili daŭrigis sian vojaĝon al la ĉefurbo. Post kelkaj momentoj, aliaj vojaĝantoj salutis la avon kaj la nepon, kaj diris unu el la salutantoj: Mi opinias, ke la infano povas piediri, kaj la maljunulo bezonas rajdi, ĉar li estas multjarulo.

IV.—La avo tiam pripensis malrapide la aferon, kaj kune kun sia nepo ambaŭ rajdis sur la azeno, ĉar jam aŭdis *kvar* malsamajn opiniojn, kaj jam ne restis ia nova konsilo rilate la vojaĝon. Sed ankoraŭ mankis publika rektigaĵo.

Kiam la avo denove vidis aliajn vojaĝantojn, kiuj alproksimiĝis laŭ kontraŭa direkto, diris al sia nepo: Mi kredas ke ni kontentigis la publikan opinion, kaj ke neniu povos de nun diri al mi, ke mi ne estas saĝulo, ĉar mi obeis kaj faris tion, kio estas opiniita de aliaj personoj, kaj en tiu momento mem tiuj vojaĝantoj salutis la avon kaj la nepon dirante laŭtvoĉe: Neniam mi vidis ke unu azeno surportu du personojn, kvankam unu el ili estas ankoraŭ etuleto, ĉar la bestoj ankaŭ laciĝas. Aŭdinte tion la avo, de tiu momento daŭrigis denove la trairadon farante kion li volis, ne pensante pri la publika opinio, kiu ne estas multefoje publika nek eĉ opinio.

NAIVULO

* * *

## FUNDAMENTAJ PROBLEMOJ

### Ĉefa eraro

«*Tio, kion oni nomas forton, kaj tio, kion oni nomas materion, estas nur abstraktaĵoj de nia nescio; la forto ne estas apartigebla el la materio; la materio sen la forto, kaj la forto sen la materio, estas nenio.*»

*J. Delboeuf*: «*La materio kruda kaj la materio vivanta*». Ĉapitro I.ª.

Ĉion, kion mi volus diri per ĉi artikolo, mi povus resumi per la jenaj vortoj: la eraro de ĉiuj aŭtokratoj kaj la kaŭzo de iliaj malsukcesoj estas kaj estis ĉiam kredi, ke la forto estas io transcenda, kion povas posedi individuoj por perfortdevigi aŭ altrudi volon aŭ kapricon al ceteraj homoj; kaj ne kredi, ke la forto estas io kunsubstanca ekzistanta ĉie, fojojn laŭ potenco, aliajn fojojn laŭ ago.

Oni diras, kiam oni pretendas pravigi maljustaĵon: «Mi havas la forton.» Sed tiu forto estas okaza kaj facile povas ĝi danĝeresti. Ĉio, kio vivas, havas iun forton, ĉar la forto estas ja la vivo mem; ĝi ne estas, kiel diras la Meĥaniko por la limigitaj efektoj de l'industria mondo kaj por la ekzercado kvantecaj de la fiziko kaj de la matematiko, la propreco aŭ kapablo modifi la statojn de ripozo kaj movo de la

korpoj. Kvalite ĝi estas io pli supera: ĝi estas la energio eterna mem, sen kiu ion oni povas konscii aŭ klarigi al si. La materio mem ne havas realecon, ĉar ĝi estas nur konkretiĝo el energio. Ni konas la ekzistadon de korpo pro ĝia rezisto al premado, pro ĝia pezo, pro ĝiaj koloro kaj formo, kiujn ni nur perceptas kaŭze de vibradaj fenomenoj. La forto estas la tuto; diri, ke oni havas la forton estas jesi, ke oni posedas tion, kion havas ĉio en la Naturo, ke oni vivas kaj ke oni estas kapabla por determini sin mem.

Evidente estas, ke oni diros: ĉio, kion vi diris, nur estas argumento metafizika, aŭ, laŭ plej granda pretendo, scienca; ke en la vivo, kiu havas forton estas tiu kiu povas altrudi sian volon al siaj similuloj, kaj ke, laŭ tiu ĉi senco, scias pli Sorel, ol ĉiuj filozofoj kaj matematikiskoj kune. Kontraŭ ĉiuj sokrataj argumentadoj estas plej potenca la Tribunalo kondamnanta al morto, kaj, antaŭ popolamaso, kiu postulas siajn rajtojn, ĉefpotencos la perforto *«ultima ratio regum»*. Estu kiu ajn la ideo, kiun oni havu pri la forto abstrakte, konkrete ĝi estas aro el perfortdevigantaj peroj, kiujn la sorto aŭ la ruzeco metas ĉe la manoj de homo aŭ de grupo el homoj por ĉi tiujn gapabligi submetigi la ceterajn al ilia volo kaj kaprico.

Tre bone; sed la forto konkrete konsiderata malsukcesas ĉiam plimalplifrue antaŭ la abstrakta energio, kiu ĉiam estas jura, kiel la aganta forto ĉesas kiam ekvivas la potenca. Despoto povos esti, je preciza momento, pli forta ol tuta nacio; sed la potenca energio kuŝas ĉe la Popolo, kaj ĉu frue, ĉu malfrue, ĉi energio pro malekvilibro fariĝas aganta, kaj sen luktado la despotismo estas venkata kaj malaperas. Ĉi tio estas, kio ĉiam okaz's laŭ la Historio. Se tio ne estus tiel, ankoraŭ ni restadus sub la tiraneco de la posteuloj de la unuaj duondioj, kiuj sklavigis kaj submetigis la Mondon, de tiuj kiuj sekvis Ramses'n, Sesostris'n, Ciro'n, Nabukodonosor'n. Ne, ĉiuj, ili, havis la forton, plibone dirite, pruntposedatan forton; sed la vera forto kuŝis en ĉiuj aĵoj; ĝi estis la vivo mem, estis la fundamento ekzistiganta la estaĵojn. Sufiĉis malekvilibro kaj malaltiĝo de la potenceco por ke tiuj fortegaj imperioj disiĝu polven kaj por ke la nomoj de la despotaj suverenoj, kiuj sin konsideris senmortaj, sur kies tombojn oni skulptis la emblemojn de l'semnorteco, transformiĝu senvaloraj sonoj kaj ombregaj enigmoj, kiel en la «Sonĝo de Escipion».

La perfortregantoj de ĉiuj epokoj kaj de ĉiuj latitudoj deiris de tiu maldelikata eraro per kiu ili konsciis la forton nur laŭ ĝia mallongedaŭra aspektoj aŭ formoj: laŭ gladiatoroj, kirasoj, lancoj, alebardoj, pafiloj, kanonoj. Ili kredis, ke la regatoj, mutaj kaj obeemaj, nur estis el karno; ke tiuj submetitaj terkulturistoj, konsumante sian vivon sur

la sulkojn, kaj tiuj metiistoj, kiuj penadis kaj ŝvitadis kaŭze de multhora laborado, kiuj elĉerpis la riĉajn metalojn el la minejoj por ili, kiuj suprenlevis la grandajn ŝtanblokojn en la kapitolon, ĉar oni ŝarĝis homojn kvazaŭ bestojn, kiuj ĉizis kaj poluris meblojn kaj amuzaĵojn, ne posedis spiritan forton ĉar mankis al ili tiuj ekstermantajn armiloj. Poste ili estis divigataj vekiĝi el la eraro. La unuan lecionon pri energio donis la *Monto Aventino*; poste la *Jackerioj*, kaj pli malfrue la hispana ribelo aŭ milito de la Komunuloj en kastilujo, kiu anoncis la renversiĝon, ne de tiraneco, sed de ĉiuj senhontaj imperioj. Fine, la malaltiĝoj de l'potenceco estis pli oftaj kaj definitivaj. Nuntempe, tiuj, kiuj mastrumis Eŭropon kaj nun meditadas en la soleco de l'ekzilejo, bone scias, ke la forto estas ĉie, ke ĝi estas la vivo mem, kaj ke estas neeble al efemera ĝia elmontro aŭ formo haltigi la fluon de la viviganta energio aŭ la proceson de la universala transformiĝo.

Soldato de l'tempo de Cisneros povis gardstari apud kanono ĉe la placo viglante la kanonon kiel pasiva kaj simpla gardstaranto. Ĉu li estis senkonscia, li vidis la novan armilon nur giganta peco el bronzo disiganta la morton kiam alproksimigante al pulvo brulantan meĉon eksplodigis ĝian ŝargon. Ĉu li atingis iun klerecon, li sciis, ke tiu aĵaĉo, kvazaŭ dormanta monstro, estis la forto de la kardinalo, kiu ĝin montris al la nobeloj de sur balkono de sia palaco; per fingro minacanta kaj ornamata de ametisto; sed se ĉi tiujn alportu al la fandejo, ilin fandu en la forno, fluidigante la feron, kaj ke lertaj manoj laboru la muldilojn por doni al ĝi formon. Kaj mi mem—li estus daŭriginta, se li estus estinta kapabla rezonadi—estas nepre necesa al ci por ke ci fariĝu kvazaŭ vivantaĵo. Sufiĉus ke miaj brakoj cin movus, por ke la manoj, kiuj cin montras kiel sian kelpanton, kruciĝus por preĝi kaj peti al ĉielo kompaton.»

Ne; ne estas indiferenta la metafizika koncepto, kiun ni formas pri la forto kaj pri la energio. Ĉar oni nur atentas la forton de vidpunktoj plej elmontriĝantaj kaj brutaj, neatentante ĝin de la spirita vidpunkto, la tiranoj de ĉiuj jarcentoj sin trompis. La forto estas kunsubstanca; ekzistas ĝi en ĉio vivanta; oni povas nuligi ĝin nur cirkonstance; se tiu soldato estus estinta Newton, Franklin aŭ Papin, li estus sciinta, ke en la Naturo estis forto pli supera ol tiu de la kardinalo kaj en la kanono mem energio subtenanta koheron inter ĝiaj molekuloj, kaj ge tiu energio sen perforto ekzistanta ĉie, kunsubstanca kun ĉiuj aĵoj kaj ĉiuj homoj. iam transformiĝos de l' eklavoj kaj venko kontraŭ la tiranoj.

«Kiel estus eble—li estus dirinta, rigardante la fieran kanonon—ke ci estus timiga se ne estus ekzistinta sciulo, kiu studis la forton de gasa dilato, kaj monaĥo kiu trafis elserĉi la miksaĵon kiun oni nomis

pulvo? Por ke ĉi povu timigi nobelojn kaj plebejojn estis necese, ke la homa penso estu metinta aktive energion eternan kaj nevenkeblan, por ke el la internaĵoj de l' tero oni eltiru la ŝtonojn, sed ĉiam la forto de l' rajto triumfigas siajn leĝojn. Kaj tiuj eternaj leĝoj estas, kiujn oni devas obei; kaj tiuj principoj, kiuj estas kunsubstancaj kun la energio, kiel tiu de la libereco, estas, kiujn oni devas subteni por ne suferi novajn elreviĝojn kaj malsukcesojn, ne lasante al sekvontoj nomojn, kiujn oni opiniis famaj, gloraj, simbolaj ne pri perforto kaj krueleco sed pri granda nescio.

*Hispane verkis*: ANTONIO ZOZAYA
*Esperante tradukis*: HOMARANO

* * *

## LIBERECO

Emĉjo rampis sur la trunkon de l' arbo supren ĝis la branĉoj. Riskante mortigan falon, li atingis la plej altan. Tie, kaŝite per malsekaj bonodoraj folioj, estis nesto, kiun du kardeloj fabrikis el siaj plumoj por pli granda lukso de la idoj.

Tiu nesto estis dum semajnoj la dezirego de Emĉjo. Li eltrovis ĝin kiam ĝi estis ankoraŭ nur korbeto da varmetaj ovetoj. Estis necese atendi.

Emĉjo atendis, viglis pacience la ovrompon, la eloviĝon, la aperon de la plumoj sur la idoj, la kreskon de iliaj piedetoj kaj flugiloj. Li ne forgesis eĉ unu tagon suprenrampi sur la arbon por mirrigardi la korbeton kie ekvivis la idoj, kiuj ne suspektis, ke ili jam estis malliberigitaj de tiu almilitisto bluokula kun blondaj haroj kombitaj helike de l' aero.

La kardeloj gepatroj suspektis malpli enkoraŭ. Emĉjo vizitis la neston nur kiam ili forestis. Ĉe la tagiĝo, kiam ili forflugis al riveretoj por kvietigi sian soifon, aŭ je la sunkuŝiĝo, kiam ili rondflugetadis malproksime por adiaŭi la reĝan astron, la knabo suprenrampis al branĉaro kaj fiksis sian ŝteleman rigardon sur la birdidojn. Poste li kalkulis men se la tagojn mankantajn por la enkaĝigo de la kaptotoj dum li malsuprenrampis.

Tiu tago jam alvenis. Kiel ni diris, Emĉjo suprenrampis sur la trunkon, atingis plejaltan branĉon kaj etendis siajn manojn al la nesto kie la birdetoj saltis.

Li estis suprenirinta senzorge, antaŭ la birdegepatroj mem, kiuj flugetadis super lia kapo, minacante lin per siaj kurbaj ungetoj. Por kio la antaŭzorgoj? La gepatroj ne povis malhelpi; ili estis malfortaj

por defendi siajn etulojn, kiuj post nelonge estus malliberigitaj de Emĉjo.

Por tio li estis lasinta apud la arbo kaĝon, en kiu li intencis loĝigi la birdetojn. Iliaj gepatroj ja zorgos pri ilia nutrado ĝis kiam ili povos nutriĝi per si mem. Tiam la liberigos la inojn kaj lasos en ĉiama malliberigo la birdovirojn, por ke ili gajigula hejmon per sia kantado.

La gepatroj flugis post la infano. Fojen, ili ektuŝetis sin en la aero; fojen, malsuprenflugis kune ĝis la kaĝo, kiun ili tuŝetis per piedetoj tremaj; fojen, flugis alten ĉirkaŭ la kapon de la ŝtelinto.

Apenaŭ Emĉjo lasis la kaĝon ĉe la fenestro de sia kampa domo, la du kardeloj ne atendinte la foriron de la infano, eĉ ne timante lin, forte kaptis la barilojn de l' kaĝo kaj enmetis en ĝi la kapon kvazaŭ ili volus kisi siajn idojn.

Fine ili forflugis sur proksiman akacion nigrigitan de l' ombroj de l' eknoktiĝo.

Tiu vespero ili ne estis adiaŭpepintaj la sunon.

*Hispane verkis*: JOAQUÍN DICENTA
*Esperantigis*: FERNANDO REDONDO

(*Daurigota*).

---

## AMUZAĴOJ

Ni komencas hodiaŭ tiun-ĉi fakon, precipe por la ekzercado de la Esperantaj lernantoj. La solvon kaj la nomojn de la solvintoj aperos en la sekvonta numero. Al tiu, kiu divenos plej grandan nombron, ni donos belan premion.

I

### CIFERA LOGOGRIFO

Anstataŭu la ciferojn per la koncernaj literoj kaj oni povos legi:

**9**........................ Vokalo.
**3 9**...................... Prepozicio.
**3 4 5**.................... prepozicio.
**2 6 3 9**.................. Aĵo utila por sin lavi.
**7 1 2 8 9**................ Konstruaĵo kiun faras precipe la birdoj.
**1 2 3 4 5 9**.............. Teologia virto.
**8 9 5 1 7 8 9**............ rapidega fluo.
**3 5 9 2 3 4 5 6**.......... tio, kio estas en sukcesa stato.
**1 2 3 4 5 6 7 8 9**........ Nia komuna celo.

## AVISOS DE LA REDACCION

1.° El Comité de Redacción de H. E.-G. examinará cuantos trabajos, firmados, le sean enviados por los H. E. A.-ANOS, y publicará aquellos que, a su juicio, puedan contribuir de algún modo a la consecución del ideal esperantista; no aceptará discusiones ni controversias con los autores, y a disposición de éstos quedarán en el domicilio social los originales de los artículos que no se publiquen.

2.ª De la esperante skribitaj verkoj kies aŭtoroj sendos du ekzemplerojn al la Direktoro de H. E.-G., oni publikigos mallongan resumon, kiam la Redakcia Komitato konsideros ke tiaj verkoj ne traktas pri «aferoj speciale politikaj, kiuj apartenas al la diplomatoj, aŭ pri aferoj speciale religiaj, kiuj apartenas al la ekleziuloj kaj filizofoj», kiel la Majstro diris en la Kongreso de Cambridge.

3.ª Oni petas interŝanĝo al la esperantistaj gazetoj po duobla specimeno nepre. Adrezo pri la interŝanĝo: Sro Mariano Mojado, Sekretario de HISP. ESP. ASOCIO, Abascal, 13, Madrid (Hispanujo).